III Jaro · XXXIV Num.

★ Novembro.—1919 ★

★ ★ MADRIDO ★ ★

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo :-: :-: :-
:-: :-: :-: de "Zamenhofa
kaj Andaluzia Federacioj„



S-RO SEBASTIAN CHALER
Entuziasma kaj laborema pioniro de Esperanto
kaj Delegito de «Zamenhofa Federacio» en Tarrasa

## VANTECO!

Vi sidas sur nenia fundamento,
vi, nur memvola ŝajno de merito,
ĉar ne estas grandeco sed imito;
fumo, nubo, nebul', vaporo, vento!

Ĉiu malbona kaj perfida sento
estas helpanto via kaj incito
kiun sentas senĉese la spirito
kie loĝas envi' sed ne talento.

Vi prosperas per flato kaj favoro,
per malhonor', per trompo kaj malvero;
vi estas koto kiu maskis oro,

vi Justecon forigis el la Tero.
Vi, naŭziga makulo de la Gloro!
se infer' estas venis el l' infero.

*Rafasan*

---

# El la "Memoroj„ de Estévanez

*(El la «Memoroj» de l' hispana politikisto respublikana Nikolao Estévanez, elp. Esteban-ez)*

En 1876.ª estis en Parizo du hispanaj elmigrantaroj; la respublikana kaj la karolana (la karolanoj volis la forigon de l' konstitucio). La elmigrantoj por havigi al si monon laboris ofte en metioj tute nekonataj de ili.

Sinjoro, kiu estis federala, anoncis per la ĵurnalaro ke li patriĝus je ĉiuj nelaŭleĝaj filoj, forlasitaj de siaj malĉastaj patroj. Interkonsentaj prezoj. Li diris ke tion li faris pro kompato al la malfeliĉaj infanoj.

Post kelkaj tagoj li havis jam cent dek ok filojn kaj sesdek mil frankojn (dudek kvar spesmilojn).

Alia federal' ulo luis en antaŭurbo Grenelle (elp. Grenel' vendejon ĵus malluitan, en kiun li enmetis nek meblojn, nek ion ajn. Sed sur la pordo li pendigis tabulon sur kin oni legis per tre legeblaj literoj: ENIRO UNU FRANKON (kvardek spesmilojn.)

La unua tago li gajnis multe da mono. Siaj vizitantoj, vidinte tiujn malpurajn kaj neornamitajn murojn, demandadis al li.

—Sed, kion vi montras tie-ĉi - kaj li respondadis.

—*Rien* (neniom).

La morgaŭan tagon policestro alvenis kaj devigis lin fermi la *firmon*.

.......................................

Unu el karolanoj, kiuj pliofte iris en la kafejon diris al mi ke li kredis nenion pri religio, ke li estis racionalisto, eĉ ateisto.

Post kelkaj tagoj oni diris al mi ke li konfesis kaj komuniis ĉiudimánĉe en la preĝejo Sankta Roke.

Kiam mi revidis lin, mi diris ke li ne bezonis trompi al mi, ĉar estis por mi indiferenta ĉu li estis kredanto aŭ ne.

Sed li respondis ĉe mia orelo:

—Mi kredas tion; ke ĉiudimanĉe oni donas al mi unu frankon tial ke mi komunias. Se mi ne komunius, mi ne matenmanĝus.

.......................................

### LA DEZIREGO DE JULIO FAVRE

Julio Favre, elektita ministro pri Eksterlandaj Aferoj (1), sin dediĉis de la unua momento al afero pri kunligoj. Tiel baldaŭ ke li eniris en la ministrejo telegrafis al ceteraj Ŝtatoj, kaj esperis, krom ke la ĵusa respubliko estu akceptata, la kunljgon kun Rusio aŭ almenaŭ la amikecon de l' Zaro De tiam la francoj jam pensis pri la rusa kunligo.

Estis kelkaj horoj ke la Respubliko estis problamita kaj Favre ne ricevis telegramojn el fremdalando.

Li tre malpacienciĝis, sed baldaŭ alvenis sekretario kun du telegramoj signitaj *urĝaj*.

Ĉu ili estas Rusio?—pensis Julio Favre, kaj nerve legis la unuan:

«La federala asocio de Utrera (2) gratulas

(1) La 4.ª septembro 1870.ª, kiam stariĝis la trian francan respublikon.

(2) Hispana urbo.

al Francio kaj proponas al respubliko sian plejkoran simpation...»

Por konsoli sin post tia trompiĝo, li legis la duan «La respublicana partio de Pedrola...» (1)

Feliĉe en tiu momento alvenis nova telegramo.

Ĝi estis de la valencianaj respublikanoj!

Bordone certigis al mi ke Gambetta mem rakontis al li tion: la tri unuaj telegramoj ricevitaj de la ministraro de l' Respubliko estis de hispanaj respublikanoj.

Kaj el Ruslando... nenio!

(Trad. *F. R.*)

---

(1) Hispana urbo ankaŭ.

# La kastelo apud la maro

Ĉu vi vidis la kastelon,
La altan apud la mar'?
Ora kaj roza, ĉielon
Ĉi supre, blovas nubar'.

Subenirus en la ondon.
Helklaran kiel spegul',
Suprenirus fajran mondon
Tra vespera la nebul'.

«Certe, mi vidis kastelon,
La altan apud la mar',
Kaj tie lun', en ĉielo,
Brilas kaj blovas nubar'.»

Ĉu maraj ondoj kaj vento
Freŝsonon donis al ĝi?
Ĉu el altaj haloj senton
Havis de muzikkanto vi?

«Trankvilaj ventoj kaj ondoj,
Kun larmoj aŭskultis mi
El halo kantojn de rondoj,
Plendantaj estis sur ĉi.»

*Felikso Díez*

(Fragmento tradukita el germana originalo de Uhland.)

# ABELAĴOJ

Nuba estas la mateno.

Ĉe la pordo d' abeleja palaceto loĝantino kaŝobservas la ĉielon.

Ĉu pluvas... ne pluvas...»

Maldekstren kaj dekstren la kapo malgranda rigardas hezite:

Per eta maneto provante elsenti la falon de l' pluvo. ŝi diras sinmen:

«Ja pluvas.»

Sed pro tio ke ombrelo estas grava malhelpaĵo por labori, senombrele ŝi eliras.

La tiklosentemaj floroj antaŭe tutsvenas pensante pri dolĉaj baldaŭaj momentoj.

Ili ĝojas senti la piedojn tre mildaj de l' abeloj; ili nerve tremas ricevantaj la karesojn de l' kruretoj; ili ja deliras kaj sindonas donacante al l' insektoj la florpoivon kontraŭ kisojn, multajn kisojn.

De floro sur floron flugetas l' abelo, ĉi-tien kaj tien, antaŭen kaj reen, flugetas, laboras...

Adiaŭ, adiaŭ, abelo. Vi jam tro dikigis polene la krurojn.

Al hejmo, al via tavolo riĉigi la ĉelon mielan forflugu.

Forflugu, forflugu; abelo. Kaj tra via vojo ĝis la abelejo pri via riĉajo vi zorgu.

Vi zorgu, sed zorgu, abelo. Vi devos vin gardi, neniam koleri pro la memmortiga pikilo.

Adiaŭ... Adiaŭ... .

La florajn kreskaĵojn venteto abele kantigas.

Majstro Suno dissŝiris la nubojn, kaj la sunaj radioj ekflugas kiel aro da oraj abeloj.

Verkis:
*Saldanha Carreira*

---

Estas kolektoj de 1917 kaj 1918 po KVIN pesetoj (Du spesmiloj) ĉiu kolekto. Oni akceptas respondkuponojn

Oni petas por ĉi tiu revuo raportet-on ĉiumonatan se eble, pri naciaj movadoj esperantistaj kaj ke oni sendu ilin al S-ro *Julio Mangada Rosenörn*, Majoro de la Infanteria Regimento «Galicia» n.º 19. JACA (Huesca). Skribu klare sur unu sola flanko.

# FANTAZIAĴO!!! (1)

Ĉu kiel la *grandharva* mi estas,
Tiel nekorektebla infano?
Jes, karulin'! Sed nur al mi restas,
Anstataŭ la flugiloj, fontano'
Plumo, kiun tenadas la mano:
Ĝi diligente ĉiam obeas
Ordonojn—ĉu de la penso mia?—,
Por elmontri tion, kion kreas
La mia fantazi' ambicia
Je estim' de brunulin' gracia.
La kapablon flugi mi ne havas;
Mi de ŝi estas tre malproksima;
Kaj tial ke ŝi tute min ravas,
—Ŝi la brunulino grandanima!—
Pens' mia flugas tra l' spac' senlima;
Flugas rapide, rapide iras
En ŝin, rapide kiel kondoro
Ĝi flugas, kaj dume, mi sopiras!...;
Sed, tamen, de l' forest' la doloro
Estas ĝojo al la mia koro!
Kaj ŝi la mian volon influas,
Por ĝin direktadi en la bonon;
Kaj, ĉi tiun celante, mi ĝuas
De la sindonemeco la konon;
Kaj ŝajnas al mi aŭdi la tonon
De bela kanto, la harmonion,
Kiu al mi dolĉege alvenas:
Anĝelan ravantan melodion,
Kiu min al *Brahma* Eden' trenas!
—Ĉiam tutkorege mi ŝin benas!!!—
Certe la manieron mi trovus
Fari por ŝi tre brilantan stelon,
Se kiel la *grandharva'j* mi povus;
Stelon ornamantan la ĉielon
Tiamaniere, ke la helon
Ĝian ceteraj steloj envius;
Kaj mi ŝin lokumus-en ĝin tiam;
Kaj tutcerte ŝi tre bone scius
Regi la belegan mondon tian!
.................................
.................................
Se, kiel *Brahma*, mi povus iam!!!

*Simplulo*

(1) Ĝin inspiris la *Hinda Poemo* LA KREADO.

# Kiel mi lernis fumi

Mi supozas, ke tiu ĉi mallonga rakonto rememorigos al vi kara leganto ian gajan scenon el via junaĝo, kaj mi opinias ke tio ĉi estas kvazaŭ spegulo kie multaj samideanoj vidas sin men.

Ofte kiam mi vidis fumi mian patron ŝajnis al mi, ke li estas duondio precipe kiam li sidiĝis, ekbruligis la cigaron kaj poste komencis rakonti ian aventuron el sia juneco. Dum tiaj momentoj mi aŭskultis lin kun la buŝo malfermita por ne perdi eĉ unu vorton, sed kiam li ne fumis mi nur malatente aŭskultis lin.

Mi estis tiam okjara kaj mi pensis, ke la sola diferenco inter la viro kaj la virino—escepte la vestaĵojn—estis tio, ke la viro povas fumi kaj tial dio elektis la viron, por regi la mondon.

Sekrete en mia interno naskiĝis deziro imiti mian patron, sed ĉar mia patro estis tre severa, mi eĉ ne ekmovis la lipojn por paroli pri la fumado. Sole kiam la cigaro pro ia nekonata kaŭzo ne volis bruli, kaj mia patro ekkoleris kaj forjetis ĝin tiam mi kaŝe levis ĝin kaj meditis pri tio, kiel la malprudenta cigaraĉo povas kuraĝi maltrankviligi mian patron.

Tamen mia deziro kreskis, precipe tiam, kiam iu knabo diris en la lernejo ke li jam



PORDO DE LA KATEDRALO (SEVILLA)

dufoje fumis—kompreneble sekrete kaj por ne diri la veron ke ĝi kaŭzis al li stomakan revolucion kaj ĝian sekvon, li kuraĝe mensogis dirante ke tio estas io bonega kaj samtempe li faris geston kvazaŭ ni malfeliĉaj kreitaĵoj ne meritus la rigardon de lia buba moŝto, kiu havis nur naŭ jarojn.

Tian malhonoron mi ne povis plu sufe ri kaj mi decidiĝis demandi mian patron, kiam mi povos fumi. Reveninte hejmen mi profitis bonan humoron de mia patro kaj mi faris tiun demandon. Mia patro seriozigis kaj ekrigardis en la angulon kie kutime staris la kanbastoneto kaj poste li diris serioze: Ĉu vi fumis? Ne... ne mi balbutis timeme—forgesante tuj pri la fumado kaj pensante sole pri la kanbastoneto - kaj tiam mia patro daŭrigis: Tiaj bubaĉoj kiel vi, eĉ ne devas pensi pri la fumado, nur kiam vi estos dudek jaroj! tio ŝajnis al mi eterneco kaj tamen la dezfro fumi ĉiam pligrandiĝis kaj eĉ mi pensis, ke se mi povus fumi, mi fariĝus baldaŭ dudekjara.

Iun tagon mi promenis kun mia frato—estis naŭjara kaj sekve pli prudenta ol mi—tra la stratoj de nia vilaĝo, kiam subite mi ekvidis sur la tero unu tutan cigaredon, kiun iu malfeliĉulo estis perdinta. Mi montris al mia frato per fingro la strangan trovaĵon kaj li plej frue atente ĉirkaŭrigardinte ĉu neniu vidas lin, rapide ĝin levis kaj metinte ĝin en la poŝon li diris al mi: Venu, ni iros en la arbaron kaj tie ni ĝin fumos. Tiu ĉi invito kaŭzis al mi unuamomente iom da zorgoj, sed mia frato delasis min pensi kaj diris, ke mi ne timu, ĉar li konas bonan kaŝejon kie neniu vidos nin.

Baldaŭ ni atingis la difinitan lokon, kie ni povis trankvile ĝui tiun ĉi maloftan trovaĵon. Mia koro batis maltrankvile kaj mi sentis iom da konsciencriproĉo, sed la scivolemo estis multe pli forta ol miaj bonaj intencoj. Subite mi rememoris ke ni ne havas alumetojn por ekbruligi la cigaredon, tamen mia frato ne maltrankviliĝis pri mia rimarko kaj eltiris el la subŝtofo de sia veŝto du aŭ tri alumentojn. Tiu ĉi neatendita malkovro vekis en mi la suspekton kaj mi pensis tuj, ke mia frato eble pli ofte trovas cigaredojn. Mi diris nenion kaj eĉ mi silentis kiam li distranĉinte la cigaredojn en du pecojn, donis al mi la pli malgrandan kaj konservis por si (eble pro tio ke li estis pli aĝa) la pli grandan parton. Kutime kontraŭ tiaj maljustaĵoj mi protestis per frapoj, sed tiun ĉi fojon mi respektis la leĝojn pri frateca amo.

Mia frato ekbruligis plejfrue sian cigaredpecon tute ne respektante la bonajn morojn de la fumantojn, kaj nur poste li ekbruligis la mian. Mi imitis lin suĉante la ekbruligitan cigaredon kaj tra mia kapo pasis strangaj sensacioj. Plejfrue aperis la fiereco kaj mi sentis min kvazaŭ dudekjara, poste ŝajnis al mi ke inter la fumnuboj aperis la kapo de mia patro kun severa rigardo kaj oh! kia teruro mi ankaŭ ekvidis la ĉambran angulon kun la kanbastoneto kiu rapide pligrandiĝis kaj fariĝis tiel granda ke mi ne povis ĝin rigardampleksi, poste mi eksentis tiel strangran kapturniĝon ke mi forĵetis la cigaredstumpon kaj diris al mia frato, ke mi devas nepre kiel eble plejrapide reveni hejmen, ĉar mi ne sentas min bone. Li tuj konsentis ĉar ankaŭ lia vizaĝo havis neĝblankan kaj eĉ iom flavan aspekton. Dumvoje li donis al mi konsilon ke mi ne diru eĉ unu vorton pri la fumado, ĉar tio povus havi duoble dolorigajn sekvojn konante bone la karakteron de nia patro, kiu senkompate punas ĉiujn niajn bubaĵojn kvankam li estas tre bonkora.

Reveninte hejmen mi serĉis tuj iun mallumain lokon kie mi povus nerimarkite atendi ĝis kian pasos la malbenita kapturniĝo, sed mia patrino tre zorgema pri nia sano, tuj rimarkis ke mi ne fartas bone. Ŝi alvokis min kaj ekvidinte mian palan vizaĝon ŝi ektimis kaj tuj alvokis la patron. Apenaŭ mi aŭdis la nomon de mia patro mi rememoris pri la vizio en la fumnuboj kaj mi tuj antaŭssntis ke okazos io grava.

La patro atente rigardis min kaj subite li diris: elspiru forte. Mi faris laŭ lia ordono, sciante ke ni estas perditaj kaj efektive tiel ankaŭ okazis. Mia frato ekvidinte la patron



PORDO DE LA «CAMPANILLAS».—KATEDRALO (SEVILLA)

senbrue elŝteliĝis tra la duonmalfermita pordo, sciante ke la kanbastono en la angulo staranta estas jam iom malpacienca pro la kelktaga ripozado. Mi ĉiam sentis kvazaŭ deziron vomi kaj mia patro diris: Malobeema bubaĉo, vi fumis kvankam mi tion al vi malpermesis kaj preninte la kanbastoneton li... sed kial klarigi tian aferon al vi kara leganto vi sendube divenos kio okazis kaj mi sole povas aldoni ke dank' al mia kara patrineto la patro ĉesis sian batpunadon post kiam mi promesis ne fumi plu. Kiam pasis miaj doloroj la patro sendis min por serĉi mian fraton kaj mi sciis bone ke ankaŭ lin atendas ia memorigilo de mia patro. La frato antaŭsentante la fatalan okazintaĵon ne volis sekvi min, sed kiam mi diris al li ke ju pli malfrue li venos des pli malbone por li, li hezitante revenis hejme. Mi ne ripetos kio poste okazis, sed mi ĝis hodiaŭ memoras, ke de tiam mi ne provis fumi ĝis kiam mi havis dudek jaraojn, ne forgesante la sekvojn de la malobeemo de bona konsilo.

*V. Cimr.*

# PRINTEMPO

Ĉion printemp' revivigas,
per siaj dolĉaj odoroj,
disverŝitaj de la floroj,
kiujn la printemp' ĝermigas.

Ektuŝante rosan falon,
la florar' komencas brili,
kaj birdar' silentas trili,
por aŭdi la najtingalon.

Ni ĝuas agrablan horon,
dum la fino de la tago,
kiam ranoj en la lago,
ankaŭ formas gajan ĥoron

Printempo ŝanĝas la vestojn,
al kreskaĵoj kaj arbaro,
kie la gaja birdaro,
konstruas komfortajn nestojn.

Ho printempo tre feliĉa,
de l' mondekzistaj' amata,
per floroj belaj kronata,
kies arom' estas riĉa.

Sur la florojn dum tagiĝo,
falas roso de l' ĉielo,
kiu fariĝas mielo,
por l' abel', je sunleviĝo.

Pro cia freŝa vetero,
la mond' fariĝas ĝardeno,
el ĉia frukto kaj greno,
rikoltota je l' somero.

Nubojn timigajn disigas,
forigas fulmojn kaj tondrojn,
eĉ la grandajn marajn ondojn,
cia potenc', kvietigas.

Cia nobla karaktero,
protektas la mondloĝantojn
samé marajn veturantojn,
kiel loĝantojn sur tero.

Ĉia vivestaj' deziras,
la unuan jarsezonon,
kaj ĝian ĉarman fasonon,
la homaro tre admiras.

*Antonio Viñals*

Barcelono 1919.ª

# LA ORA KAMPODOMO

Sur montetoj norde fermantaj la Mahonan havenon, staras granda kaj modesta domo kun antaŭa kaj malgranda ĝardeuo, florkorbeto renversita sur la krutaĵo.

Ĝi estas «Sankta Antono» laŭ la menorkanoj; laŭ la angloj estas «The Golde Ferm» (La ora kampodomo), tiel nomata, sendube, ĉar se de la haveno la posedaĵo kun siaj senfruktaj kaj nudaj montetoj malmulte valoras, kontraŭe la haveno kaj siaj apudlimoj vidataj de la terasoj kaj rigardejoj de Sankta Antono, estas mirindaĵo. Reale, oni



PORDO DE L' PERDON.—KATEDRALO (SEVILLA)

ne povas diri ke oni estas vidinta la grandiozan havenon ĝis kiam oni ĝin estas atente rigardinta laŭ ĝia tuta vasteco, laŭ birvido, de kie lordo Nelson kaj sinjorino Hamilton establis sian neston por admiri pejzaĝon indan je ili.

Estis en Novembro de 1798.ª kiam ekspedicio el anglaj militistoj, sub la komando de sinjoro Stwart proprigis al si, je tria kaj lasta fojo, *Menorkon*, kiu estis farita bazo de militagadoj de la superregantoj. Kun febra aktiveco estis refortikigataj kaj komencataj fortikaĵoj kaj pligrandigata la ŝipriparejo; senĉese eniradis kaj eliradis el la haveno fortikaj skadroj; ĉe ĉiuj golfetoj, kiuj havas fontojn, estadis ŝipoj prenante akvon; transportŝipoj plenplenigadis la insulon el manĝaĵoj kaj militmaterialoj, pligrandigante senĉese la garnizonon. En la jaro 1800.ª estadis 18.000 soldatoj, kaj kvankam deiris 7.000 por Italujo, estis organizitaj novaj ekspedicioj, kiujn Anglujo sendadis al Egiptujo por bari la triunfan marŝadon de la Napoleonaj soldataroj.

En tiu ĉi agitita epoko loĝis Nelson ĉe Menorko.

Emmo Liyon-Hart, naskiĝinta en 1761.ª de humila familio, post akcidenta vivo taŭgis kiel modelo al Romney, kiu faris ŝian portreton multe da fojoj. En la studejo de la granda pentristo ŝin konis Karolo Grevill enamiĝis je ŝi kaj atingis ŝian respondon; sed ruinigita post nelonge, li sendis ŝin al sia onklo lordo Hamilton, ambasadoro de Anglujo ĉe Napoleso, por ke ŝi instigu lin pagi la ŝuldojn de lia nevo. La ambasadoro, allogita de la beleco de Emmo kaj de ŝia subtila talento, promesis pagi la ŝuldojn de Karolo se la junulino konsentadus edziniĝi kun li.

La edziĝofesto okazis en la jaro 1791.ª kaj la nova grandsinjorino ĝuis tre baldaŭ grandajn simpatiojn ĉe la Napolesa kortego, altiris al si la korinklinon de la reĝino Mario Karolino kaj estis grandvalora konfidenciulino de la angla diplomatio.

Nelson, komandanto de la Mediteranea skadro vojaĝis kelkfoje en Napoleso kaj rilatiĝis kun la ambasadoredzino: li estis komisiata vigli la francan skadron, kiun estis preparanta en Tolono por iri Egiptujon, kaj kvankam li ne povis eviti ĝian marveturon, ĝin persekutis, ĝin ĉirkaŭis kaj ĝin detruis ĉe Aboukir la 1.ªⁿ de Aŭgusto de 1798.ª Li revenis Napoleson kaj estis publike amanto de la ambasadoredzino; pro ŝi li forlasis la skadran komandon, kaj libera je oficialaj devigoj, li deiris kun sia amikino en Menorkon meze de la jaro 1799.ª

En la plaĉa rifuĝejo Sankta Antono la admiralo verkis parton el sia dokumentkolekto, kiu kun la titolo «Leteroj kaj depeŝoj de Nelson» estis publikigata ĉe Londono en la jaro 1844.ª

Samtempe, sinjorino Hamilton preparadis sian verkon »Korespondado kun Nelson» —Londono 1813.ª—kaj redaktadis siajn interesajn «Memorojn»—Londono 1816.ª—Sed la malkvieta spirito de ambaŭ distinginduloj ne permesadis al ili resti longtempe ripoze. De la ora kampodomo ili vidadis la konstantan movadon de la ŝipoj, kiuj eniradis kaj eliradis el la *mahona haveno*. Tiu milita multlaboro al ili malpermesadis forgesi siajn aventurojn kaj nek la izoliĝo, nek la amo, nek la pejzaĝa melankolio, nek la ĉarmo de la lunaj noktoj, nek la heleco de la sunaj tagoj, farantaj el la haveno lokon sur kiu la animo forgesas kaj la okuloj raviĝas, povis moderigi la mondan febron de la enamiĝita paro.

Atente rigardante la portretojn faritajn de Rommey, studante tiujn vizaĝtrajtojn mildajn kaj ŝanĝeblajn de la posedantino, analizante tiujn voluptemajn lipojn, tiujn okulojn pli grandajn ol la buŝo, tiun malhonestan nazeton kaj tiujn pozojn, jen incitantaj kiel tiuj de malĉastulino, jen piaj kiel inspiritaj de la mistikismo, jen ridetantaj, jen doloraj kiel tiuj de la Magdalenoj de Miziano, oni konceptas, ke ŝi submetigus Nelson kaj ke unu fojon ŝi lin devigis forlasi la komandon de la skadro kaj alifojon ŝi decidis lin repreni ĝin por iri Trafalgaron.

Mallongedaŭra estis la restado de sinjor-



GILDEJO DE LA KATEDRALO (SEVILLA)

ino Hamilton ĉe *Menorko*, kvazaŭ ŝanĝebla de ama papilio, kiu ĉiam postlasas signon de voluptemega ora polveto de io ideala kaj signon de bedaŭrinda realeco,

*Laŭ L. Lafuente Vanrell*

El hispanalingvo tradukis: *Grizharulo.*

---

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.

---

# BELGIO

La Genta Esperanto-klubo «La Progrero», organizis ekspozicion de diversaj dokumentoj dum la komunumaj festotagoj, okazintaj dum la monato de julio 1919. Jen estas la traduko de la raporto pri tiu ekspozicio, presita en la Genta ĉiutaga ĵurnalo «La Flandre Liberale» (sabaton la 19an de Julio 1919.)

«*Interesa ekspozicio.*—Unu el la numeroj de la programo de 1.ª komunumaj festoj, je kiu estas necese halti dum momento, estas la ekspozicio de internacia interŝanĝo, organizita de la esperantista Societo «La Progreso», en ĝia sidejo, Placo de la Komerco, II. kafejo de la Borso (ĉambrego de la unua etaĝo).

»La titolo estas eble iom, trograndiga, tamen la ekspoziciejo plene meritas viziton. La kunaĵaro formas tuton koketan kaj gajaspektan. Oni tie vidas, laŭlonge de la muroj, kadrojn kaj starportilojn enhavantajn ilustritajn poŝtkartojn (kaj inter ili estas belegaj!) devenantaj de ĉiuj punktoj de la terglobo; kolektojn je moneroj, poŝtmarkoj, papilioj!, fotografaĵojn el diversaj kongresoj; albumojn kun poŝtkartoj kaj leteroj ĉie devenaj, respondantaj al demandoj je informoj pri objektoj komercaj aŭ sciencaj. aŭ petantaj respondi pri tiaj objektoj koncernantaj Belgion; ĉio tio, redaktita en la lingvo internacia Esperanto.

Oni rimarkas ankaŭ tabelojn klarigantajn stenografian sistemon uzeblan en ĉiuj lingvoj kaj instruantan en la organizanta societo. En la mezo de l' ĉambrego estas elmontrita kolekto da revuoj kaj libroj ĉu literaturaj ĉu sciencaj, devenantaj de ĉiuj landoj, ĉiuj redaktitaj en Esperanto. Multaj, el tiuj dokumentoj estas ricevitaj nur de post la armilhalto, io kio pruvas la persistanta kaj grandiganta vivoplenecon de Esperanto, tra la tuta mondo, de ĝiaj 32 jaroj da ekzistado, kaj la utilecon riceveblan de ĝi.

»Oni vidas ankaŭ multajn komercajn anoncojn sur tiuj diversaj dokumentoj. Unu el la membroj eĉ montras diafanan abelujon ebligantan vidi la tre interesan laboron de la abeloj. Kiam ni estos dirintaj ke tiu ekspozicio estis improvizata post kelkaj tagoj, de la membroj de la societo, oni konfesos ke ĝi estas vera sukceso.

»Ĝi estos ankoraŭ malfermita dimanĉon kaj lundon proksimajn, la 21an kaj 22an de julio, de la 10a ĝis la 1.ª matene kaj de la 3a ĝis la 5a posttagmeze. La eniro estas senpaga sed oni povas donaci monereton por la militkripluloj. Ni multe instigas la publikon por ke ĝi vizitu la ekspozicion.»

La publikigo de tia artikolo en grava ĉiutaga gazeto, estas kuraĝiga por nia Esperanta afero. La ekspozicio havis multajn gevizitantojn al kiuj la gemembroj de «La Progreso» donis multajn klarigojn parolajn, kaj presitajn resumojn de la gramatiko. Espereble tio akirigis al sia afero kelkajn novajn adeptojn.

La adreso de la Grupo estas: Café de la Bourse, Place de Commerce, Gento, ankaŭ al Sekretariino, F-ino. Irma De Vlieger, 15 Place de l' Ecluse, Gento.

---

Bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ kotizaĵojn por ĉi tiu jaro.

# Al la tutmonda samideanaro!

Komence de Septembro 1919 aperos «La Nova Tempo», internacia gazeto Esperantista, ĉiumonata, riĉe ilustrata revuo por ĉiaj progresemaj kulturceladoj, oficiala organo de l' «Internacia Zamenhof-Societo» kaj Esperanta organo de l' «Institrto por kulturesplorado.» La redakcio de «La Nova Tempo» gajnis la kunlaboradon de eminentaj verkistoj, artistoj kal de gravaj organizaĵoj: ni volas prezenti al la Esperantistaro modernan, laŭ ĵurnalistaj vidpunktoj de fakulo redaktatan, vastampleksan kaj riĉenhavan ĵurnalon. En la ĉiama fako «Mondliteraturo» ni aperigos iom post iom la ĉefajn tutmondajn literaturaĵojn same kiel ĉiujn signifajn verkojn de internacia graveco, kiujn poste «La Nova Tempo»-Eldonejo aparte eldonos (interalie la gravajn kulturverkojn de l' «Instituto por kulturesplorado», la faman verkon «Homaro» de la konato inter scienculoj Prof.° D-ro Ervin Hanslik k. a.). Krom tio ni ĉiam aperigos geografiajn priskribojn kun multe da belaj klarigaj ilustraĵoj, por servi al la porfremdula movado, kies ĉefajn organizaĵojn ni kontentige emigis al niaj celadoj. (Ni preparos poste la eldonon de apartaj turistaj gvidlibroj k. t. p.).

Nia devizo estas: Per mondkulturo al mondpaco! Entute ni povas garautii al la Esperantistaro la ekstarigon de nova, inda organo!

Abonmendojn jam nun akceptas la Administracio de «La Nova Tempo» Wien IX|4., Liechtensteinshe 157, II|29.

Jara abonprezo: Por Germanaŭstrio: 12 kronoj; por la novaj naciaj ŝtatoj: 12 kronoj laŭ la rilata enlanda valuto; por Germanio: 6,50 markoj; por la cetera eksterlando: 4 frankoj.

Por la redakcio:
ALFRED SIEBENSCHEIN
ĉefredaktoro.



## RIMARKIGO

Ĵus translokiĝis la presejo de ĉi tiu revuo; la nova adreso estas, strato SAN LUCAS, n-ro. 5, Madrid; ĉiuj devas atenti pri la anonco «Zamenhofa Federacio» por rilatoj kun ĉi tiu Federacio kaj ĝia oficiala organo.

---

# ESPERANTO ĈE LA FOIRO DE LYON

Kiel en 1917 kaj en 1917, la Esperanto-Oficejo de Lyon, direktata de S-ino Farges, organizis je la nomo de U. E. A. ĉe la aŭtuna kunveno de la Foiro de Lyon propagandan ekspozicion (budo 13, grupo 52), kiun vizitis centoj da komercistoj kaj industriistoj el ĉiuj landoj. La dokumentoj pri la servoj de U. E. A. precipe por turismo kaj komerco tre impresis la publikon.

Simila ekspozicio estos organizata ĉe ĉiuj kunvenoj (printempa: 1-15, Marto, kaj aŭtuna: 1-15, Oktobro) de la Foiro. La komercistoj kaj industriistoj, anoj de U. E. A., estas petataj sendi al ni specimenojn de katalogoj kaj prospektoj en Esperanto, kaj ankaŭ disdonotajn reklamilojn en nacia lingvo (speciale en Franca) kiuj informas ke ilia firmo uzas Esperanton kaj U. E. A. La Foiro de Lyon aliĝis kiel Esperantia Entrepreno. Ni petas, ke ĉiu aliĝonto aŭ vizitonto de la Foiro, skribante al la Komitato de la Foiro, sin rekomendo per U. E. A., kaj samtempe informu pri siaj intencoj la Delegiton en Lyon, S-ro Poncet, en la Esperanto-Oficejo, 36, rue Victor Hugo, kiu, helpata de la Konsuloj kaj delegitoj, faros ĉion eblan por faciligi kaj pliprofitigi ilian entreprenon.

---

La monata gazeto «La Unuigita Tuthomaro», eldonata de W. Heydorn en Hamburg 35, de Januaro aperos nur esperantlingve; jara abonprezo 7,50 Mk.

# Gazetoj ricevitaj

«La Eklezia Revuo». Septembra kaj Oktobra.

«The British Esperantist».—Septembra kaj Oktobra.

«The Esperanto Monthly».—Septembra, Oktobra kaj Novembra.

«Amerika Esperantisto».—Julia-Aŭgusta kaj Septembra.

«Esperanto» de U. E. A.—Aŭgust-Septembra, Oktobra kaj Novembra.

«Le Travailler Esperantiste».—Septembra, Oktobra kaj Novembra.

«Nia Folio».—Septembra. De la Genta Esperanta Grupo «La Progreso», maŝinskribita kun muzikverko aparte. Ankaŭ Oktobra.

«La Unuigita Tuthomaro» de Hamburg.—Septembra kaj Oktobra.

«La Progreso». Ĉeĥoslovaka Organo Esperantista, Oktobro-Novembro.

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvo de la LITERLUDO

K a e i o u LO

Solvo de la SPRITLUDO:

**SKLAV'**

Sendis la solvojn: S-roj I. Diaz el Tocina; G. Fernández el Madrid kaj J. Comella el Vich.

## KURIOZA TRIANGULO HIEROGLIFA

★ = LITERNOMO

★ ★ = INTERRILATO

★ ★ ★ = FLORFOLIETOJ

★ ★ ★ ★ = PAROLADO

Anstataŭigi ĉiun steleton per *konsonanto* tiamaniere ke ĉiuj *esprimos hieroglife* laŭ *horinzontalaj* kaj *vertikalaj* linioj, la dekstre-suprajn vortojn.

## HIEROGLIFO

n
n O

Solvoj en venonta numero.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanio).

---

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell*. Hispanio) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (Hispanio).—Deziras korespondadi kun fremduloj por siaj lernantoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

D-ro Casto Vilar.—Hotelo «La Peninsular», Placo S. Fernando, 20, Sevilla (Hispanio.—Interŝanĝados I. P. kun fremdaj samideanoj,

---

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanio) strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

---

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

---

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanio) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

---

F-ino María Luisa G. Caamaño. Instruistino. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras korespondadi kun alilandaj geinstruistoj esperantistaj pri pedagogiaj procedoj.

---

S-ro Leopold Temerson; politeknika studento; strato Szeroka, 6, Lodra Banko. *Radom* (Polujo).—Deziras korespondadi kun alilanduloj.

---

Filatelistoj! Jesús Ramírez, strato Cabestreros, 10 kaj 12, Madrid (Hispanio), tuj sendos 50-100 p. m. de Hispanio, Portugalio kaj Kolonioj iliaj al filatelisto sendinta saman kvanton da p. m. de militintaj landoj, de Afriko, Azio kaj Oceanio.

---

Svitberto J. Degenkamf. Betlehemweg, 36. Utrech (Nederlando).—Interŝanĝas P. K. I. montrantajn nur preĝejojn, ankaŭ esperantajn gazetojn.

---

S-ro Johano Serra, strato Cervantes, 8. *Tarrasa* (Hispanio).—Deziras interŝanĝi leterojn aŭ poŝtkartojn kun geesperantistoj el ĉiuj landoj.

---

S-ro Roberto Maraury, Delegito de U.E.A. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras interŝanĝadi ĉiajn revuojn anglajn (artaj, komercaj, ilustritaj, teĥnikaj) kontraŭ hispanaj. Ĉiam tuj respondas.

---

Antonio Marmol el *Villanueva de las Minas* (Sevilla - Hispanio), deziras korespondadi p. k. i. kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

S-ro Sidonio Pintado, en Baltanas (Provinco Palencia). Hispanio.—Deziras korespondadi kun geinstruistoj pri pedagogiaj procedoj kaj lerneja movado, tial ke li, kiel redaktoro de grava jurnalo, raportos pri tiuj aferoj. Nepre kaj tuj respondos.



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid